

# Boletín

Nº 366 majo/junio 2004

Antonio Valén

El esperanto: lengua y cultura

mga

La kreado daŭras...

Asociación de utilidad pública

FEDERACIÓN ESPAÑOLA DE ESPERANTO
HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO

# Boletín

BULTENO DE HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO

Aperanta de 1949

Redaktisto: Miguel Gutiérrez Adúriz; Los Coteros 1-C, 2-I; ES-39600 Muriedas; Cantabria; bulteno@esperanto-es.net

*Noto: Pri la enhavo de la artikoloj respondecas nur la respektivaj aŭtoroj.*

*La redaktisto rajtas libere rifuzi ne petitajn artikolojn.*

## Hispana Esperanto-Federacio

**Rodríguez San Pedro 13, 3º, 7;**
**ES-28015 Madrid;**
**Tel.+faksilo: +34.(9)1.446.80.79**
**Konto ĉe BBVA :**
**0182-1252-31-0204011961**
**Admin@esperanto-es.net**
**www.esperanto-es.net**



## Enhavo



**Kontonumero de HEF ĉe BBVA:**
**0182-1252-31-0204011961**

# Eksterordinara Ĝenerala Kunsido

La Eksterordinara Ĝenerala Kunsido de Hispana Esperanto-Federacio okazis la 15an de majo, je la 10a horo, en la HEF-sidejo, komforme al la kunvoko farita pere de la asocia organo, Boletín.

Laŭ la difinita tagordo, oni unuanime aprobis la necesajn modifojn de nia statuto por adaptado al la nova leĝo: "Ley Orgánica 1/2002, de 22 de marzo, reguladora del Derecho de Asociación".

La modifoj estas jenaj:

Art. 1, unua paragrafo, enmeti: "en los términos especificados en la Ley Orgánica 1/2002, de 22 de marzo,"

Art. 1 dua paragrafo, anstataŭigi "Su oficina central" per " Su domicilio social"

Art. 6, paragrafo a), aldoni: "Tendrá las siguientes obligaciones: compartir los objetivos de la Federación; abonar las cuotas que con arreglo a los estatutos se acuerden por la asamblea general; acatar y cumplir los acuerdos válidamente adoptados por la junta directiva."

Art. 6, paragrafo c) enmeti: "Tiene las mismas obligaciones que el socio ordinario."

Art. 7, paragrafo a), anstataŭigi: " Tendrán los mismos derechos que" per " Tendrán los mismos derechos y obligaciones que"

Art. 7, paragrafo b), anstataŭigi: " Tienen los mismos derechos que" per " Tienen los mismos derechos y obligaciones que"

Art. 8, aldoni: "Tienen las mismas obligaciones que los socios ordinarios individuales, excepto el pago de cuotas."

Art. 13, dua paragrafo, anstataŭigi: "En el mismo podrán incluirse aquellas cuestiones que los socios soliciten de la junta directiva al menos con un mes de antelación." per "En el mismo se incluirá toda cuestión a tratar que al menos 10 socios hayan solicitado conjuntamente de la junta directiva al menos con un mes de antelación."

Art. 15, enmeti: "La asamblea de socios quedará válidamente constituida cualquiera que sea el número de asociados, presentes o representados, que concurran a la misma."

Art. 19, enmeti: "Los miembros de la junta directiva cesarán por alguna de las siguientes causas: 1) por renuncia voluntaria comunicada por escrito a la junta directiva; 2) por incumplimiento de las obligaciones que tuvieran encomendadas, cuando así lo acuerde la asamblea general; y 3) por expiración del mandato."

Art. 20, anstataŭigi: " tres miembros de la junta directiva" por "tres miembros

de la junta directiva o el 20% de los asociados."; kaj aldoni: "La junta directiva quedará válidamente constituida cualquiera que sea el número de directivos asistentes. La junta directiva añadirá a su orden del día todo asunto a tratar que haya sido solicitado con suficiente antelación por al menos 10 socios."

Anstataŭigi "De las finanzas" per "Régimen de financiación, contabilidad y documentación"

Art. 29, aldoni: ", y los intereses o rentas que puedan producir los bienes de la asociación."

Art. 31, aldoni: "El ejercicio asociativo y económico coincidirá con el año natural y su cierre tendrá lugar el día 31 de diciembre de cada año."

Laŭ la dua punkto de la tagordo, oni kontrolis kaj unuanime aprobis la dokumentaron prezentendan al la Ministrejo pri Enlandaj Aferoj rilate al la asocia agado dum 2003 (Raporto pri aktivaĵoj, Bilancon, ktp.).

La Sekretario malfermis la Kunsidon je la 11a horo.

*El la Protokolo resumis*

*Miguel Gutiérrez*

# Alvoko al

# Ĝenerala Kunsido de HEF

Konforme al nia statuto, la HEF-prezidanto alvokas ĉiujn membrojn al la Ĝenerala Kunsido okazonta en la fakultato pri Ekonomiko, Avda. Lehendakari Aguirre, Bilbao,la sabaton 28an de aŭgusto de 2004, kadre de la 63a Hispana Kongreso, por pritrakti jenan tagordon:

1. Lego kaj eventuala aprobo de la protokoloj de la du antaŭaj kunsidoj.
2. Eventualaj komentoj pri la konto-etato kaj agadraporto de la jaro 2003, jam aprobitaj.
3. Prezento de la jarraporto de Fundación Esperanto en 2003.
4. Invito la membrojn kandidatiĝi en la venontjara reelekto de la estraro.
5. Propono eldoni adresaron de la membroj.
6. Demandoj, petoj, proponoj.

*La sekretario: Manolo Parra*

# Estrarkunsido

La HEF-estraro kunsidis en la madrida sidejo la tagon 15an de majo 2004 ekde la 11a horo ĝis la 14:00. Ĉeestis la estraranoj Miguel Ángel Sancho, Pedro Garrote, Marcos Cruz, Manuel Parra, kaj partoprenis per retposto Miguel Gutiérrez. Krome ĉeestis la kunlaboranto Ana Manero. Prezentis siajn ekskuzojn José María Galofré.

## Pritraktitaj aferoj:

1-La sekretario laŭtlegas la protokolon de la antaŭa kunsido (25. jan. 2004, trovebla en Boletín-364), kaj oni ĝin aprobas. Pri la ĝisnuna plenumo de ties decidoj, oni konstatis jenon: 4a punkto: Efektive, Rafi kaj Luis donacis komputilon, kaj HEF aĉetis unu plian, do ni havas nun du novajn. 7a punkto: Ni iom enketis, kaj konkludis ke estas pli prudente provizore forlasi tiun planon. 6a kaj 8a punktoj: ne plenumiĝis. 9a punkto: Pedro esploris la fiskajn devojn de la asocio; ŝajnas oportune provizore nenion fari pri tiu temo. 10a punkto: Ni plue traktadas kun la mecenato, por alveni al fina interkonsento.

2-Post iom pli ol unu jaro okazos reelekto de la estraro. Pedro Garrote planas rekandidati por la kasista posteno. Sancho, Cruz, Parra kaj Gutiérrez Adúriz anoncas ke ili ne rekandidatos. Parra, tamen, ofertas almenaŭ unujaran helpadon al la nova sekretario. Oni alvokas ĉiujn HEF-anojn konsideri kandidatiĝon al la estraj postenoj, sciante ke tute ne necesas loĝi en Madrido.

3-Sciinte ke Augusto Casquero estas proponita por ricevi la premion "Ada Sikorska", ni decidas unuanime apogi tiun proponon, konsiderante la larĝajn meritojn de Augusto.

4-HEF antaŭmendos 50 ekzemplerojn de la libro "Esperanto, lengua y cultura", de Antonio Valén, aperonta en la kongreso en Bilbao.

*La Sekretario, Manolo Parra*

*La Prezidanto, Miguel Ángel Sancho*

## HEF-Kotizoj

| | |
|---|---|
| OM ordinara membro | 29,00 € |
| OM kun junulkarto | 26,10 € |
| PM patrona membro | 58,00 € |
| KM kolektiva membro | 58,00 € |
| EM (nur por jamaj EM-anoj 1995e) | 24,00 € |



# Pri Grupoj, Asocioj kaj tiel plu.

## Andaluzio

* Jaena Esperanto-Asocio kaj Hel-Ikso kunlaboras por la senpaga publikigo de retaj esperantaj verkoj. La paĝo de Hel-Ikso estas rekte kontaktebla tra la paĝaro de la jaena asocio <www.esperanto-jaen.tk>, klaku sur "Esperanto" kaj poste sur "Eldonejo Hel-Ikso".

* Ĉi-jare JEA partoprenos en la etna festivalo "Etnosur", kiu okazos en Alcalá la Real de la 16a ĝis la 18a de julio.

*Pablo Foche*

* La nova ret-sidejo de Sevila Esperanto-Asocio estas <http://es.geocities.com/esperanto_sevilo/>

* Kelkaj esperantistoj de Onubo (Huelva) kunvenis la 30an de majo por konatighi kaj organizighi kun la celo agi por la lingvo internacia en Onubo kaj diskonigi la urbon en Esperantio. Oni planas konstrui retapagharon, kaj jam oni havas ret-liston: <EsperantoenOnubo@groups.msn.com>

* La 22an dejunio du membroj de la ĵus fondita Onuba E-Asocio estis intervjuataj ĉe Radio Nacional 5 Todo Noticias por la provinca elsendo.

*Víctor M. Macías*



## Ekstremaduro

* De la 1a ĝis la 3a de majo okazis en Don Benito interŝanĝo inter la grupoj de lernejanoj, E-komencantoj de la lernejoj Cuatro Caminos de Don Benito (Hispanio) kaj Braamcamp Freire de Pontinha (Portugalio). Ni esperas ke pluraj el ili progresos. La foto montras la emocian adiaŭon.

*Kani*




Grupo de E-lernantoj kun sia profesoro, José María Salguero, en mezlernejo Cuatro Caminos de Don Benito

# Eŭskio / Vaskio

En Diario Vasco (San Sebastian, 04.05.20) aperis informo pri Esperanto kun bildo de Zamenhof. Interalie, oni menciis ke ekde 1906 estas e-istoj en la urbo, kaj ankaŭ la ekziston de tradukoj el la eŭska lingvo, kia "Memoraĵoj de eŭska bovino" de Atxaga.

*TdB*

# Kanariaj Insuloj

De la 21a de majo ĝis la 1a de junio ESTO elstarigis librotendon, kiel ĉiujare, okaze de la Libro Foiro kaj Kanarioj-Festo, ĉe la Municipa Parko García Sanabria de Santa Cruz de Tenerife. En tiu tendo ni informis scivolulojn pri Esperanto kaj ĝia celo. Ankaŭ pri la ebleco lerni ĝin kaj ĝia ebla estonteco, ene de la Eŭropa Komunumo. Ĉiun vizitanton ricevis broŝuron en kiu aperas la retadresoj de ESTO, HEF kaj aliaj sciindaĵoj. La budo estas anoncata kiel



"Esperanto - Bibliografia ekspozicio". Ĉefaj prizorgantoj estis Antonio Ferrer, Antonio Suárez, José Luís Cruz, Antonio Sánchez kaj F. J. Davila kune kun aliaj esperantistoj. Jam en la unua tago vizitis la budon eĉ loka televido kiu filmis kaj intervjuijs la tiaman dejoranton. Ankaŭ la hispana Radio-Ĉeno SER intervjuis vizitanton kaj la prizorganto de la stando.

Post la fino de la librofoiro, la 1an de Junio, oni solene celebris la finon de la Universitata Kurso, kiun gvidis Alejandro F. López de Vergara en la Filologia Fakultato pri Lingvoj. Tiu kurso premiis la sukcesintojn per 3 oficialaj kreditojn.

Danke al la helpo de la "Real Sociedad Económica de Amigos del País", kies Directoro estas samideano Prof. Leandro Trujillo Casañas, pli ol dudek universitataj studentoj ricevis sian atestilon pri ilia sukceso en la kurso.

Poste la grupo vizitis la ejon de ESTO por havi rektan kontakton kun nia biblioteko kaj memoraĵoj, kaj fine, ĉiuj kune, en la restoracio "Patio Canario", oni trin-





kis bonan kanarian vinon kaj gustumis multajn kanariajn specialaĵojn.

La kontakto kun la lernantoj daŭros pere de iliaj respektivaj personaj retadresoj.

*Omarajan*

* Kiel ĉiujare, okaze de la Di-Festo (13a de Junio), samideano Jose Luís Cruz desegnis belan flortapiŝon. Lia teamo (vidu apudan foton) finis la laboron en nur 3 horoj sen helpo de komputilo, muldiloj el lado aŭ ŝtalo. La sinteno de la vizitantoj estis tre pozitiva kaj la TV-stacio Antena-3 filmis kaj montris la flortapiŝon en sia vespera informprogramo.

*Fran*



Jen kelkaj membroj de KantEA ĉe la fonto de rivero Asón

# Kantabrio

* KantEA havas jam propran retadreson <cantabria@esperanto-es.net>.

* La 7an de majo, okazis Ĝenerala Eksterordinara Kunsido por aprobi la statuton de KantEA, kiun oni devis "nepre" adapti al la nova leĝo de asocioj.

* En majo, membroj de KantEA ekskursis al la fonto de la rivero Asón, kaj en junio oni ekskursis al regiono Candina kaj surgrimpis la ĉemaran montopinton Solpico.

*PUL*

# Kastilio-Leono

La 29an de junio Rafaela Urueña, iama prezidanto de HEF, transdonis ekzempleron de Gran Diccionario Español-Esperanto al la Publika Biblioteko de Palencia, kune kun kelkaj informiloj pri Esperanto, kun la celo ke ili altiru la intereson de la homoj, kiuj ĉiutage vizi-

tas la bibliotekon. Bedaŭrinde, la programita prelego ne okazis. Ĉu pro ne sufiĉe bone antaŭpreparita informkampanjo, ĉu pro manko de intereso fare de la publiko. Ĉiaokaze tiu fakto montras kiom necese estas "semi" en tiu regiono de la hispana Esperantujo. Kaj Rafaela Urueña ĵus metis la unuan "brikon".

*M. Zocato*

# Katalunio

* En la katalunlingva ĵurnalo "El Punt" (La punkto) aperis bela artikolo pri Esperanto (04.05.13) subskribita de Jordi Miralles, kiu pledas por la uzo de la Internacia Lingvo en la nova Eŭropo.

*Darío Rodríguez*

* Esperanta Mondo estas kastililingva radioprogramo aŭskultebla en la regiono de Barcelono (99,00 Mhz per FM) aŭ pere de Interreto ĉe la paĝo <www.radioarkivo.org>, kiun prizorgas s-ano Scott, el Omaho (Usono).

*Juanjo Crespo*

* Grupo de barcelonaj E-fervojistoj partoprenis en la 56a IFEF-Kongreso en Sopron, Hungario (vd. la foton).

* En la komercocentro "La maquinista" oni inaŭguris en aprilo ŝuvendejon kun la nomo "Ŝuo", tiel en Esperanto (vd. la foton).

*Adela Gomila*

* La Babiladon okazinta en Sabadell (04.04.18), kiun partoprenis 28 homoj, pritraktis la temon "La Universitato", komprenebIe ankaŭ en rilato al Esperanto. La loka grupo KAE regalis ĉiujn per bongustaj trinkaĵoj kaj kanapetoj. Pliaj Babiladoj okazis en Premià de Mar pri "La neŭtraleco" kaj ĉe la vegeterana centro Jaume Daltell pri la transgenaj nutraĵoj kaj medicinaĵoj.

*L. Serrano*






Supre la nova vendejo "Ŝuo", sube la barcelonaj IFEF-kongresanoj

# Madrido

La 26an de junio s-ano David Galadí-Enríquez, profesia astronomo, gvidis instruan kaj amuzan astronomian sesion

en Esperanto. 13 esperantistoj kaj familianoj povis observi la Lunon, Marson, Jupiteron, nebulozojn kaj duoblajn stelojn pere de teleskopo.

*Nia voĉo*

## Murcio

Kreskas la Gazetoteko Lanti, flegata de s-ano Jesuo de las Heras. Lastatempe aperis pluraj numeroj de Boletín, ĉefe danke al la sindona helpo de Biblioteko Ramón Molera. GL konsulteblas ĉe <www.gazetoteko.com> aŭ <http://213.172.47.3/gazetoteko/>



## Valencio

* En Cheste (Valencio), kun apogo de la urba registaro, okazis la 15a Kongreso de Valencia E-Federacio, la 29an kaj 30an de majo. Partoprenis reprezentantoj de la E-grupoj de Alicante, Castellón, Valencia, Oliva, ktp, kaj vizitantoj el



Peter Zilvar kaj Zsofia Korody en la bona akompano de valenciaj samideanoj

Madrido, Francio kaj Niĝerio. Gravaj programeroj estis la kortuŝaj omaĝoj al nia forpasinta samideano José María Bernabeu Franco, kaj al la elstara esperantisto de Cheste, Walter Máñez.

Prelegoj, koncertoj, E-kvizo, vizito al la rapid-cirkvito de Cheste, kaj al aliaj lokaj vidindaĵoj, Ĝenerala Kunsido, prezentado de la filmo "La sieĝoj de Malbork" en esperanta versio produktita de Roman Dobrzynski, kaj fine, sekvante la tradicion de ĉiu E-aranĝo en la Valencia komunumo, frata kunmanĝado de paelo, regalo de la magistrato.

*La 23an de junio, Peter Zilvar (germano) kaj Zsofia Korody (hungarino), estraranoj de Esperanto-Zentrum en Herzberg am Harz (Germanio), vizitis la E-Grupon de Valencio. Niaj gastoj abunde informis pri la agado de sia asocio kaj, krome, oni parolis pri eventuala kunlaboro inter ambaŭ organizaĵoj.

*Augusto Casquero*

# Ĝenerale

* La 26an de majo aperis informeto pri la retpaĝaro de HEF en la senpaga ĵurnalo "20 minutos", en la semajna suplemento por universitatanoj "niĉapa", en la fako "la webera".

*Santiago Sanz*

* En la malfermo de la Filmfestivalo de Cannes, la fama reĝisoro Almodóvar eldiris jenan frazon: "...¿hay alguien que me traduzca?...o trato de decirlo en esperanto?...".

*Karles Berga*

* En la magazino Semana aperas artikolo pri la nova Eŭropa Unio kun 25 landoj kun mencio pri Esperanto.

* Pluraj hispanaj ĵurnaloj menciis la partoprenon de "esperantista" partio en la eŭrop-unia balotado, inter ili "La Voz de Galicia".

* Kurioza eraraeto aperis en la tre bona revuo "La ondo de Esperanto", kiu informis ke en la Eŭrop-Unia Kongreso, okazonta en Bilbao, oni povos ĝui ekskurson per boato al... Portugalio! Kompreneble, la celo de la ekskurso estas Portugalete.

* Kelkaj hispanaj E-asocioj kaj unuopaj esperantistoj kontaktis la enlandajn kandidatojn ĉe la lasta voĉdonado por la eŭropa parlamento. Kaj venis multaj respondoj! Du el ili, poste elektitaj, kiel eŭroparlamentanojn, montris sinceran apogon al Esperanto: Bernat Joan i Marí kaj Willy Meyer.



La 12a Internacia E-Semajno de la Kulturo kaj Turismo okazos ĉi-jare en Salou (Tarragona), en la hotelo San Francisco (***), inter la 2a kaj la 9a de oktobro.

Aliĝo ĝis la 31a de julio: 21 eŭrojn. Poste 24 eŭrojn. Kompleta pensiono en dulita ĉambro 30 eŭrojn. En unulita ĉambro: 39 eŭrojn.

Koresponda adreso: Luis Serrano; Ap. 423; 08200 Sabadell; Tel: 93.731.41.11; <luis_serrano@mixmail.com>

* SATeH (SAT en Hispanio) distribuas en nia lando la librojn kaj broŝurojn eldonitajn de Sennacia Asocio Tutmonda, kaj la diskojn eldonitajn de Vinilkosmo.

* En CiberPaís (04.05.20), ĵaŭda suplemento de la ĵurnalo El País, legeblas informo pri la reta enciklopedio Wikipedia, kaj oni mencias ke ĝi aperas en 50 lingvoj, inter ili Esperanto.

*Pablo A. Foĉe*

# Maratono de rakontoj



Juan del Castillo enkondukas grupon de interesitoj en la arenon de la Internacia Lingvo



Bruno Reis (juna portugala samideano) prezentis al la publiko la esperantan version de la elektita rakonto el "Mil kaj unu noktoj"

Jam de antau dek tri jaroj, en la kastilia urbo Guadalaĥaro (Guadalajara), oni prezentas kulturan aranĝon sub la nomo "Maratono de la Rakontoj", kiu esence konsistas en la sinsekva deklamado de ĉiuspecaj rakontoj. La festo estas vere popola, kaj en ĝi partoprenas la tuta urbanaro, sub la ĉefa organizado de la tiea Publika Biblioteko.

La 13a maratono okazis de la 18a ĝis la 20a de junio de 2004, kaj ĝi estis speciale dediĉita al la lingvoj. La organizantoj elektis rakonton el "La mil kaj unu noktoj", kiun oni prezentis al la publiko ĉiuore, jen en malsama lingvo, jen kun apartaj trajtoj, kiaj estis la uzo de gesta aŭ ĵargona lingvo. Ĉi jare, la organizantoj speciale invitis la Fondaĵon Esperanto, interalie ĉar en la Publika Biblioteko okazis en decembro de 2003 la unua prezentado por neesperantista publiko kaj amaskomunikiloj de la Granda Vortaro Hispana-Esperanto. Kiu semas, tiu rikoltas!

Ni partoprenis en tri apartaj fakoj. Unue, nia portugala samideano Bruno Reis deklamis la elektitan rakonton, tradukitan de Ana Manero. Tuj poste, Juan del Castillo gvidis seminarion, kun enkonduka kurseto, por 15 homoj, kiuj tre interesiĝis.

Dum la sabato ĉefe Juan del Castillo, Lupe Sanz, Toño del Barrio kaj Pedro Sanz deĵoris ĉe budo, en kiu oni montris





Surstrata budo taŭge kompletigis la agadon en Guadalajara.

Kaj venontjare...

al scivoluloj librojn, precipe por infanoj, kaj bildrakontojn. Kompreneble, oni ankaŭ disvendis lernolibrojn kaj vortarojn.

Nian partoprenon reliefigis pluraj lokaj gazetoj, kaj Fundación Esperanto estas jam invitita kunlabori en la venontjara maratono.

*Antonio del Barrio*

**Kontonumero de**

**HEF ĉe BBVA:**

**0182-1252-31-0204011961**







# Kiu redaktos Boletín?

Jam de antaŭ pluraj monatoj la nuna redaktoro de Boletín anoncis ke li ne plu redaktos la bultenon, kiam en 2005 finiĝos la kvarjara periodo de la Estraro.

La bulteno de HEF estas ne nur la organo de la Asocio, sed ankaŭ ligilo, kies gravecon oni ne devas mistaksi.

Kiu okupos do tiun postenon? Jen tikla demando, ĉar, kvankam kapablaj homoj ekzistas, oni devos aranĝi ĉion tiel ke nenio damaĝu la interesojn de la Asocio.

Jen do, por evito de ajna estonta problemo, ŝajnas prudente fari jam la unuajn paŝoj, kaj certe la kongreso en Bilbao estos tre oportuna tempo por enketi, esplori kaj, eble, trovi la vojon al definitiva solvo.

*PUL*

# Esperanto ĉe Linguapax

Inter la 10a kaj 23 de majo okazis, en la kadro de la Universala Forumo de Kulturoj, okazanta en Barcelono, la deka kongreso de Linguapax, NRG laboranta por protektado de la lingva diverseco laŭ iniciato de Unesko. En ĉi evento, Esperanton reprezentis Abel Montagut kaj Radojica Petrovic.

Sociolingvistikaj kaj lingvoplitikaj demandoj, lingvoplanado, lingva juro kaj lingvaj rajtoj, dulingva edukado, revitaligo kaj normigo de endanĝerigitaj lingvoj, jen plej gravaj temoj de la kongreso. Prelegis eminentaj lingvistoj, kaj kelkdeko da fakuloj prezentis siajn teoriajn studojn, praktikajn laborojn, projektojn kaj atingojn. En tia medio Esperanto prezentiĝis per du prelegoj, kelkaj



Abel Montagut, aŭtoro de "Poemo de Utnoa", "Karnavale" kaj "La enigmo de l' ar@neo", verkas ne nur en Esperanto sed ankaŭ katalunlingve.

mencioj en aliaj intervenoj, kaj per iom da presita informmaterialo.

Abel Montagut prelegis pri la temo "Kontribuo de la internacia lingvo Esperanto al pluvivo de la lingva diverseco". Post la prelego audiĝis esence pozitivaj reagoj kaj lingvistike interesaj demandoj, sed ankau la rimarko, ke Esperanto ne havas subtenon de ŝtato(j) kaj tial ĝi ne havas ŝancon disvastiĝi.

Radojica Petrovic prezentis tri projektojn de E@I, ILEI kaj Hesselbom Berlin GMBH. Temas pri Lingva Prismo, lernu! kaj Interkulturo, kiujn finance helpas ESF (Esperantic Studies Foundation) kaj kelkaj neesperantistaj fondaĵoj. Kelkaj auskultintoj interesiĝis pri uzeblo de la teknikoj kaj spertoj de lernu! por lernado de aliaj diasporaj lingvoj, au proponis kunlaboron por aplikado de la metodoj de Interkulturo.

*Radojica Petrovic*
*(Ekstraktaĵo el Libera folio)*




* "La partio Eŭropo-Demokratio-Esperanto (EDE), kiu en la pasintaj eŭropaj elektoj kolektis pli ol 25.000 voĉojn en Francio, ne estas esperantista asocio, sed politika partio, kiu volas diversmaniere demokratiigi la Eŭropan Union" asertis Denis-Serge Clopeau, kiu mem aktivas en la partio. Laŭ EDE, necesas ne nur komuna lingvo, sed ankaŭ komuna konstruado de demokratio je eŭropa nivelo. Pri tiu partio legu ĉe: <http://e-d-e.org/>

*Kalle Kniivila*

* Esperantistino, Malgorzata (Margareta) Handzlik, edzino de la fama pola eldonisto Georgo Handzlik, gajnis seĝon en la Eŭroparlamento, danke al la apogo de 30.000 voĉdonantoj en la pola regiono Silezio.

* Se oni entajpas la vorton "Esperanto" ĉe Google, oni nuntempe ricevas indikon pri inter 1,1 kaj 1,26 milionoj da paĝoj laŭ la diverslandaj paĝaroj de Google. En la pasintjara aprilo la sama nombro estis proksimume 750.000 paĝoj. Tiurilate do Esperanto kreskis per 40 ĝis 50 procentoj en unu jaro. Evidente la forta kresko de la paĝoj indikitaj de Google rilate al Esperanto signifas imponan progreson de Esperantujo.

*Lu Wunsch-Rolshoven*

* Ĉi-jare Internacia Esperanto-Muzeo festas jubileon: Antaŭ 75 jaroj ghi fariĝis parto de la Aŭstria Nacia Biblioteko. Estas unika fakto, ke Nacia Biblioteko oficiale vivtenas E-muzeon kaj E-bibliotekon. Pro tiu subteno IEM fariĝis la plej granda plene funkcianta biblioteko por Esperanto kaj Interlingvistiko, tute je la servo de esperantistoj kaj lingvistoj. Ĝia elektronika katalogo (TROVANTO) estas rete alirebla ĉe:

## Emas korespondi

Se vi volas havi leter-amikojn en Japanio, skribu al Japana Esperanto-Korespondo-Servo, KLEG, Sonehigasi 1-11-46-204, Toyonaka, JP-561-0802. Skribu ne per reto, sed nepre per afrankita letero, kaj preslitere viajn adreson, aĝon, sekson, okupon, interesojn ktp.

<www.onb.ac.at/sammlungen/plansprachen/eo/index.htm>

Okaze de tiu jubileo Austria Nacia Biblioteko organizos la simpozion "Esperanto en la Uragano de Ideologioj", la 8an kaj 9an de oktobro 2004 en kunlaboro kun UEA.

*Mag.Helga Farukuoye*

* En majo, 51 gestudentoj el 11 landoj de Europo, Afriko kaj Azio ricevis diplomojn de la Internacia Studumo pri Turismo kaj Kulturo en Bydgoszcz - Klerigejo de Akademio Internacia de la Sciencoj (AIS), kie exiuatge oni instruas en Esperanto.

* La kastelo Grezijono situata en Francio, estas malfermita dum somero! Plurnivelaj staĝoj de Esperanto kaj diversaj turismaj kaj kulturaj agadoj estos organizitaj de la 3a de julio ĝis la 14a de aŭgusto. Plie, libera turisma semajno okazos de la 14a ĝis la 21a de aŭgusto. Pliaj informoj ĉe: <http://gresillon.org> Aŭ ĉe la adreso <grezijono.kastelo@free.fr>

* La gazeto por komencantoj kaj lernejanoj, Juna amiko, anoncis mult-lingvan retpaĝaron, kun artikoloj el la revuo. La paĝaro gastas ĉe "Lernu", komuna projekto de TEJO kaj ILEI, kiu estas nur unu el pluraj pruvoj pri fortigata kunlaboro inter la junulara kaj instruista organizoj.

La retpaĝaro "Lernu" enhavas plurajn kursojn, lernilojn, ekzercojn kaj babilejon por vizitantoj.

*Stefan MacGill*





Lernantoj de Esperanto en Buĵunburo, Burundio.

Subtenu la bonan laboron, kiun Universala Esperanto-Asocio faras en Afriko, pere de Fondaĵo Espero.

*Por eventuala sendado de mono kontaktu la redaktoron de Boletín.*

* La ĉi jara SAT-kongreso okazos la unuan fojon en slovakia ĉefurbo Bratislava (08.14-21) kun turisma postkongreso en Prago. La programo proponas interalie vizitoj al atomcentralo, al surdanuba akvobaraĵo Gabcikovo, kaj al aliaj historiaj kaj kulturaj celoj. Ankaŭ okazos interesaj prelegoj, ekzemple Klaŭdo Roux parolados pri la naturscienaj terminoj en la nova PIV.

Finfine aperis!

# Hispana Literaturo 8

pío baroja: suzana kaj la ĉasistoj de muŝoj

hispana literaturo

























Hispana Literaturo estas libroserio lanĉita en 1987, por festi la centjariĝon de Esperanto, kun la celo disponigi al la e-istoj de la tuta mondo plej bonajn verkojn de hispanaj aŭtoroj.

Ĝis nun aperis sep titoloj: La familio de Pascual Duarte; Astura bukedo; Sentempa simfonio; Miguel Hernández, poeto de l'popolo. Poem-antologio; La stultaj infanoj; Tirano Banderas; Sanga nupto.

La projekto realiĝas iom post iom danke al la laboro de disversaj E-Grupoj, sindonemaj tradukantoj kaj la subvencioj de institucioj kiaj: Caja de Ahorros de Asturias, Comisión Española de Unesco, Generalitat Valenciana kaj Caja de Ahorros "La General" de Granada.

Kaj nun, la 28an de aŭgusto de ĉi jaro en la kongreso de Bilbao, nova volumo, la okajam, riĉigos la kolekton. Temas pri 160-paĝa verko plene dediĉita al la vaska aŭtoro Pío Baroja, en bonega traduko de la bilbaoano Joxemari Sarasua.

La libro, kiun eldonas Fundación Esperanto kaj Eŭska Esperanto-Asocio kun la helpo de Caja Laboral (Euskadiko Kutxa), konsistas el mallonga romano "Suzana kaj la ĉasistoj de muŝoj, plus naŭ noveloj: Sombraj vivoj; La abismo; Lacaj konsciencoj; La ombro; Trista hejmo; Manjo; Kuracista nokto; La pigrulo; Vagantoj; Manjo la Nigra.

Kompletigu vian kolekton. Mendu ĝin ĉe via kutima libroservo.





# Eŭropa Bunto 2004

La 9an de majo 2004 estis tre pozitiva tago. Malgraŭ la distancoj kaj la malbona vetero, pli ol 300 homoj el ĉiuj partoj de Francio, Germanio, Belgio, Svislando, Britio kaj eĉ Serbio, kuniĝis en Strasburgo por manifestacii.

Ekde la 10a horo, la partoprenintoj alfluis iom post iom sur Placon de la Universitato. La rendevua loko estis facile trovebla danke al la bunta balonego, kiu superis la placon kaj portis afiŝon EUROPA BUNTO alkroĉitan laŭlonge de la ŝnuro. Unue, bonvenigaj vortoj de Denis-Serge Clopeau, salutoj de diversaj partoprenantoj en sia gepatra lingvo, kaj la apogo de 33 asocioj. Poste koncerto de jOmO kun kantoj en diversaj lingvoj kaj fine la manifestacio, kiu ekiris ĉirkaŭ la 14a kaj duono.

En la aleo Robertsau la kunirantaro iom imponis pro ĝia longeco kaj la multnombraj afiŝoj. Aŭdiĝis, interalie, la sloganon "Europo, estas la lingvoj unue, ne al diskriminacio, jes al komunikado!

La debato ĉe la Europa Parlamento estis bon-nivela. Ĝin animis Gilbert Stammbach, kaj la diversaj invititoj okupiĝis pri la demando, kiel eviti lingvan diskriminacion kaj ebligi multlingvismon laŭ la fundamentaj tekstoj de la Eŭropa Unio?

Multaj amaskomunikiloj informis: televidkanalo, pluraj ĵurnaloj kaj radio-stacioj, ktp.. Eĉ la eŭska ĵurnalo Berria dediĉis tri artikolojn al la temo.

Surloka enketo montris ke la ĉefa bedaŭro de la organizintoj estas, ke la manifestacion partoprenis preskaŭ nur E-asocioj. Pluraj homoj venis por defendi sian gepatran lingvon aŭ multlingvismon ĝenerale, kvankam ili cetere estas E-parolantoj.

*Stammbach*

## Listo de membroj

En sia kunsido de julio 2003, la estraro diskutis pri ebla publikigo de adresaro de membroj. Timante eventualan ĉagrenigon de iuj, ni decidis aperigi nur nomon kaj loĝlokon.

Kiam iu membro "A" deziros kontakti alian "B", "A" sciigu sian deziron al la sekretario, kiu informos al "B".

Tiel do, jen la listo de la 317 nunaj (aprilo-2004) membroj de HEF, ordigita laŭ la poŝta kodo de la loĝloko, kaj la membrara bilanco de la pasinta jaro:

Francisco Sánchez Antón . . . . . . . . . . . . . . Alicante
Manuel Gomis Rubio . . . . . . . . . . . . . . . . . Alicante
José Francisco Ruiz Regidor. . . . . . . . . . . . Alicante
José Miguel Bernabéu Egea . . . . . . . . . . . . Alicante
Jossette Braem Van Peteghem . . . . . . . . . . Alicante
Amador Pascual Isidro . . . . . . . . . . . . . . . . Alicante
María Balsera Lledó . . . . . . . . . . . . . . . . . Alicante
Rodolfo Canet Marín . . . . . . . . . . . . . . . . Alicante
Esperanto-Grupo de Alicante . . . . . . . . . . . Alicante
Wolfgang Gunther Rojales . . . . . . . Ciudad Quesada
Lauri Mustonen. . . . . . . . . . . . Torrevieja (Alicante)
Antonio Verdú Caselles. . . . . . . . . . . . . Elx / ELche
Manuel López Serna . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . Rafal
Jacinto Estevan Soriano. . . . . . . . Villena (Alicante)
Isaac Soriano Herrero. . . . . . . . . . . Sax (Alicante)
José Antonio Serra Ripoll . . . Beniarbeig (Alicante)
Francisco Doménech Torregrosa . . . Muro de Alcoy
Juan Manuel Soler Navarro. . . . . . . . . . . . . . . Ávila
Emilio Folgado López . . . . . . . . . . . . . . . . Badajoz
Juan Narváez Fernández . . . . . . . . . . . . . . Badajoz
Ildefonso Sánchez Redondo . . . . . . . . . . . . Badajoz
José González Rodríguez . . . . . . . . . . . . . . Badajoz
José Mª Salguero Rodríguez . . . . . . . . . Don Benito
Leticia Gómez Calderón. . . . . . Medellín (Badajoz)
Pere Julià . . . . . . . . . . . . . . . . . . Palma de Mallorca
Evaristo Sender Borrell . . . . . . . . . . . . . . Barcelona
Manjo Garces Coll . . . . . . . . . . . . . . . . . . Barcelona
José Borrell Soldevila. . . . . . . . . . . . . . . . Barcelona
Vicente Peña Tadeo . . . . . . . . . . . . . . . . Barcelona
Fermín de Urmeneta y Cervera . . . . . . . . Barcelona
Pere Navarro Rosinés. . . . . . . . . . . . . . . . Barcelona
Nuria Gallés Figueras. . . . . . . . . . . . . . . . Barcelona
Eduardo Pons Parera . . . . . . . . . . . . . . . Barcelona
José María Trilla Gutiérrez. . . . . . . . . . . Barcelona
Adela Gomila Sintes. . . . . . . . . . . . . . . . Barcelona
Miquel Nogues Ciurana . . . . . . . . . . . . . . Barcelona
Grupo de E-o Aŭroro de la Formiga . . . . Barcelona
Salvador Aragay Galbany . . . . . . . . . . . . Barcelona
Josefina Girona de Aragay . . . . . . . . . . . Barcelona
Isidro Rovira. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . Barcelona
Vladimiro Vidal Conde . . . . . . . . . . . . . . Barcelona
José Pedro Llinares García . . . . . . . . . . . Barcelona
Josep Ferrer i Manyà . . . . . . . . . . . . . . . Barcelona
Faustina Martínez Guillén . . . . . . . . . . . Barcelona
Maria Angels Estruch. . . . . . . . . . . . . . . . Barcelona
Hispana Esperanta Fervojista Asocio. . . . Barcelona
Barcelona Esperanto-Centro . . . . . . . . . . Barcelona
Anna Illa Molera . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . Moià
Montserrat Illa Molera . . . . . . . . . . . . . . . . . . Moià
Ana María Molera Urgellés . . . . . . . . . . . . . . . Moià
Jaume Molera Urgellés . . . . . . . . . . . . . . . . . . Moià
Antonia Urgellés Bern . . . . . . . . . . . . Moià (Barna)
Trinitat García Cobacho . . . . . . . . Sant Cugat Vallés
Esperanto-grupo Jozefo Anglés . . Sant Cugat Vallés
Santiago Sanz Canalejo . . . . Sant Quirce del Vallés
Luis Serrano Pérez . . . . . . . . . . . . . . . . . . Sabadell
Magdalena Clerch i Regull . . . . . . . . . . . . . Sabadell
Jaume Armengol Domènech. . . . . . . . . . . . Sabadell
Jesús Díez Otero . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . Sabadell
Llàtzer Deu Hernández . . . . . . . . . . . . . . . Sabadell
Vicente Hernández Llusera. . . . . . . . . . . . . Sabadell
José Mª Galofré Domingo . . . . . . . . . . . . . Sabadell
Kultura Asocio Esperantista - KAE . . . . . . Sabadell
Ramón Manau Torres . . . . . . . . . . . . . . . . . Sabadell
Santiago Torné i Grau. . . . . . . . . . . . . . . . . Sabadell
Agustí Saludes Vilanova. . . . . . . . . . . . . . . . Terrasa
Ernest Roca Genescà . . . . . . . . . . . . . . . . . . Terrasa
José Hervás . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . Terrasa
Giordano Moya Escayola . . . . . . . . . . . Matadepera
Josep Mª Castañ Castañ . . . . . . . . . . . . . . . Manresa

Dolores Martínez Martínez . . . . . . . . Premia de Mar
Guillem Nicolàs i Larruy . . . Premià de Dalt (Barna)
Pepita Gallart de Ortel . . . . . . . . . . . Calella de Mar
Manuel Casanoves I Casals . . . . . . . . . . . . . . . . Vic
Robert Tolosa Biosca . . . . . . . Igualada (Barcelona)
Josep Castelltort Riba . . . . . . . . . . . . . . . . . Igualada
Hispana Esperanto-Muzeo . . . . . . Sant Pau d'Ordal
Joan Pinyol Sabater . . . . . . . . La Granada (Barna)
Joan Bruno Roselló . . . . . . . . . . Vilanova i la Geltrú
Emilio Sanz Mata . . . . . . . . . . . . . . . . Castelldefels
Martí Guerrero i Cots . . . . . . . Hospitalet Llobregat
Víctor León Gámiz . . . . . . . . . Hospitalet Llobregat
Rafael Ruiz Criado . . . . . . . . Badalona (Barcelona)
Jerónimo Agudo Calleja . . . . . Sant Adriá de Besós
Ignacio Gómez de la Torre . . . . . . . . . . . . . . Burgos
Félix Calvo Esgueva. . Sotillo de la Ribera (Burgos)
Pedro María Rodríguez Pérez . . . . . . . . . . . Cáceres
Diego R. Biedma Álvarez . . . . . . . . . . . . . . . . Cádiz
Leslie A. Martin . . . . . . . . . . . Jimena de la Frontera
Francisco Conejero Sánchez . . . . . . . . . . . Castellón
Mónica Cruz Martín . . . . . Alcalà de Xivert (Cast.)
Josep Mª Martínez Pedra . . Alcalà de Xivert (Cast.)
Víctor Álvarez Paredes. . . . . . Peñíscola (Castellón)
Raúl Martínez Anguita . . . . . . . . . . . . . Ciudad Real
María José Ortiz Manzaneque . Campo de Criptana
Pedro José Gosálvez Olmo . . . . . . . . . . . . . Córdoba
José María Rodríguez Hernández. . . . . . . . Córdoba
Asociación Cordobesa de Esperanto . . . . . Córdoba
Concepción Menlle Fernández . . . . . . . . La Coruña
Dionisio Dopico Marcote . . . . . . . . . . . . La Coruña
María Josefa Respino González . . . . . . . La Coruña
Esteban García Calvo . . . . . As Pontes (La Coruña)
José Tojeiro Piñón . . . . . . . . . O Ferrol (La Coruña)
Carlos Ogando Valcárcel . . . . Santiago Compostela
Félix Sánchez Boquete . . . . . . . Brión (La Coruña)
Martí Aguado . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . Girona
Joaquín Comas Auget . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . Salt
Carme Llapart Costa . . . . . . . . . . . . . . . . . . Figueres
Víctor Manuel . . . . . . . . . . . López León (Granada)
José Matos de Castro . . . . . . . . . . . . . . . . . Granada
María LArruti Etulain . . . . Donostia / San Sebastián
Ígor Rapp Arrarás . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . Huelva
Víctor Manuel . . . . . . . . . . . . Macías Caro (Huelva)
Carmen Guerra Vegas . . . . . . . . . . Velillas (Huesca)

Asociación Jiennense de Esperanto. . . . . . . . . . Jaén
Alfonso Escamilla Roa . . . . . . . . . . . . . . . . . Linares
Saúl Blanco Lanza. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . León
Crescencio Vicario Laseca . . . . . . . . . . . . . Logroño
Xesús Bermúdez Tellado. . . . . Mosteiro-Pol (Lugo)
Manuel Jesús Pérez Rubio . . . . . . . . . . . . . . Madrid
Cristina Martínez Páramo . . . . . . . . . . . . . . . Madrid
Juan Carlos Carazo Fernández . . . . . . . . . . . Madrid
Recaredo García Rodríguez . . . . . . . . . . . . . Madrid
Alejandro Javier Casanova Domingo . . . . . . Madrid
Juan José Vera Martín . . . . . . . . . . . . . . . . . . Madrid
Esperanto-Liceo de Madrid . . . . . . . . . . . . . Madrid
Carmen Suárez Fernández-Cid . . . . . . . . . . . Madrid
Marco Trevisán Herraz . . . . . . . . . . . . . . . . . Madrid
Antonio Moya Casado . . . . . . . . . . . . . . . . . Madrid
Pedro Nieto López-Guerrero . . . . . . . . . . . . Madrid
José Francisco Platas . . . . . . . . . . . . . . . . . . Madrid
Roberto González García . . . . . . . . . . . . . . . Madrid
Darío Rodríguez López . . . . . . . . . . . . . . . . Madrid
Miguel Fernández Martín . . . . . . . . . . . . . . . Madrid
David Trigo Pérez . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . Madrid
Pedro A. Hernández Úbeda . . . . . . . . . . . . . Madrid
Gerardo Flores Martín . . . . . . . . . . . . . . . . . Madrid
Lupe Sanz Bueno . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . Madrid
María del Carmen Lázaro Martín . . . . . . . . . Madrid
Antonia García Montemayor . . . . . . . . . . . . Madrid
David Gutiérrez Sánchez . . . . . . . . . . . . . . . Madrid
Miguel Ángel Sancho Pardo . . . . . . . . . . . . . Madrid
Natividad Millán Santamaría . . . . . . . . . . . . Madrid
Rodrigo Vaquera Márquez . . . . . . . . . . . . . . Madrid
Jaime Vinielles de Pereda . . . . . . . . . . . . . . . Madrid
Ramón Maynou Ferreres . . . . . . . . . . . . . . . Madrid
Víctor Maynou Gómez . . . . . . . . . . . . . . . . . Madrid
Eduardo Reyes Torres . . . . . . . . . . . . . . . . . . Madrid
Félix Manuel Jiménez Lobo . . . . . . . . . . . . . Madrid
José Ignacio Martín Jiménez . . . . . . . . . . . . Madrid
Ana María Manero García . . . . . . . . . . . . . . Madrid
Manue Parra Benito . . . . . . . . . . . . . . . . . . . Madrid
Héctor Luciano Figuerola Palomo . . . . . . . . Madrid
Carlos Manuel González Sevilla . . . . . . . . . Madrid
Eliseo González Arranz . . . . . . . . . . . . . . . . Madrid
Juan Abad López (Inaltel) . . . . . . . . . . . . . . Madrid
Iván Manso Rodríguez . . . . . . . . . . . . . . . . . Madrid
Angelita Sanz Mayor . . . . . . . . . . . . . . . . . . Madrid

